# Juna amiko

INTERNACIA LERNEJANA ESPERANTO-REVUO
Februaro, n-ro 89/1 (48), 16a jaro




En ĉi tiu numero ni prezentas kvar-paĝan artikolon pri trajnoj.

Nia kovrilo montras la tri ĉefajn specojn de lokomotivoj: vaporan, dizelan kaj elektran. Ili estis ĉiuj fotitaj en Japanio en 1973. La vapor-lokomotivo C11 estis fotita en la urbo Aizu-Wakamatsu; oni ne plu uzas vaporajn lokomotivojn en Japanio. Vidu la artikolon sur paĝo dek unu.



Ligu la adjektivojn kun la bildoj.

1. feliĉa kaj montranta
2. rapida kaj timanta
3. diligenta kaj laboranta
4. senmona kaj malkontenta
5. kolera kaj malkontenta
6. maldiligenta kaj dormanta
7. malfeliĉa kaj falonta

A:


Jen konkurso nur por niaj junaj legantoj. Redesegnu la bildojn mem kaj skribu la ĝustajn adjektivojn apud ĉiu. Sendu tion al ni ĝis la fino de aprilo, kun via nomo, adreso kaj aĝo bone indikita. Nur tiuj malpli ol 12-jaraj partoprenos la loterion por la premioj.

B:



F:


C:


E:


Ĉ:


D:


Juna amiko, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de la Hungara Esperanto - Asocio kaj aŭspiciata de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)

Aperas kvarfoje jare: februare, aprile, septembre kaj novembre.

Redaktoro kaj grafiko: Stefan MacGill.

Adreso de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

Abonprezo en Hungario ĉe HELIR: 40 ft. (por eksterlandano 48 ft.) Internacie ĉe UEA: 8,40 gld.



Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik éventenégyszer. Ára: 10 ft. 89/1 szám, XVI évfolyam. Felelös szerk.: Schiller Judith. Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Szentháromság tér 6, H-1014 Budapest. Felelös kiadó: Princz Oszkár. Készult a MESZ Sokszorosítóban: hearota 88-221 Kiad. eng. szám: III/IFJ/30/1976; ISSN 0230-1318.

Terjeszti a Magyar Posta. Előfizethetö bármely hirlapkézbesitö postahivatalnál, a hirlapkézbesitöknél, a Posta hirlapüzleteiben és Lapellátási Irodánál (HELIR), Budapest, XIII, Lehel u. 10/a, 1900 – közvetlenül vagy postautalványon, valamint átutalással a HELIR 215-96162 pénzforgalmi jelzöszámra.

# Jen Alvenis 1989

Okaze de la nova jaro ni kore salutas niajn legantojn – novajn kaj malnovajn – kaj deziras al ili ĉion bonan, kaj multan sukceson kaj utilon en la studado de Esperanto – kelkajn sugestojn pri tio vi povas trovi en ĉi tiu numero de nia revuo.

Kvarfoje vi ricevos nian etan revuon. Uzu ĝin aktive en viaj stud-rondoj. Denove ni prezentos rol-ludojn; ĉi-numere vi trovos tre simplan, kiu havas la formon de telefona konversacio. Denove multaj enigmoj kaj konkursoj figuros sur niaj paĝoj, eble ĉi-jare *vi* gajnos premion!

Du aŭ tri el vi, nur, skribis proteste pri la ellasita usona adreso en *Korespondi deziras* en nia numero 88/3. Ĉu vere vi multe uzas tiun rubrikon por trovi eksterlandajn amikojn? Ni forte esperas, ke kelkaj klasoj interŝanĝas leterojn kaj projektojn pro kontaktoj trovitaj per tiu rubriko.

Enketilo aperis en numero 88/3 por trovi, kie oni instruas Esperanton kaj por helpi vin sisteme starigi kontaktojn tra la mondo. Ĝis nun nur ĉ. 20 respondoj revenis, ĉar la numero de *Internacia Pedagogia Revuo* kun la enketilo nur ĵus aperis kaj eĉ la monata revuo *Esperanto* ĝis nun ne aperigis la alvokon senditan en septembro. Do, nur en numero 89/2 ni prezentos la rezultojn. Se *via grupo* ankoraŭ ne respondis, nepre faru tion, eĉ post la anoncita lim-dato.

Kelkdekojn da respondoj ni ricevis pri niaj konkursoj; la matematika enigmo pri 555 kaj 6 estis populara. Tamen, dudeko da respondoj el legantaro de 3500 estas iom malpli ol grandioza sukceso! Ĉu en 1989 ni rajtas esperi pri pli granda reago? Ni esperas, ke ni rajtas esperi.

Novjarajn salutojn ni ripetas fine de nia enkonduko. Nun ni troviĝas firme en la dua jarcento de Esperanto, kaj nur dek unu jaroj for de la fino de la jarmilo. Ĉu vi foje pensas, kia vi estos, kio vi estos, en la jaro 2000? Kia estos la mondo tiam? Kiel vivos la homoj? Ni volonte ricevos de vi leteron kun viaj ideoj pri tio.

Amase skribu al *Juna amiko* ĉi-jare. Ne nur pro la konkursoj kaj por gajni librojn. Ni volonte aperigos viajn leterojn, petojn por korespondantoj, informojn pri via Esperanta grupo, rakontojn, poemojn, raportojn, desegnaĵojn aŭ fotojn (nigra-blankajn).

Ŭeste, oste, (oriente kaj okcidente en pli normala Esperanto!) norde kaj sude, kie ajn en la granda mondo vi loĝas, estu en la nuna jaro bona amiko de la *Juna amiko*!

*Tre kore salutas,* Stefan MacGill

*via redaktoro.*
15 dec (Zamenhof-tago), 1988

# Niaj legantoj verkas...

Ekde la pasinta jaro la nombro de niaj legantoj en Jugoslavio rapide kreskis. Kelkaj el ili ankaŭ verkas por ni. Do, ni donas al ili ĉi tiun bonan komencan lokon en nia revuo. Zagreba Esperanto-Ligo organizis literaturan konkurson, okaze de festoj ligitaj al "Tago de la Junularo". Pluraj pioniroj kontribuis, kaj ni ricevis kelkajn el la rezultoj, interalie premiitaj verkoj. Ĉiuj verkintoj estas en la sepa klaso de la baz-lernejo 'Veljko Vlahoviĉ', en Veliko Gorica, urbo apud Zagrebo.



## LIBERECO

En libereco mi vivas
En ĝi floroj kreskas
la suno varmigas
kaj hirundoj flugas.
Luliĝas spiko de greno
odoras herbo
Rampas libera tero
kolonaj vicoj de malgrandaj formikoj
Ĉie flamas libereco
Kaj en lernejo ni lernas pri ĝi
Ĝi estas salo, pano kaj akvo
Kaj ĉiu amas ĝin.

*El la junulara gazeto 'Modra Lasta'*
*Tradukis Marija Ĉuziĉ.*

VORTKLARIGOJ POR 'LIBERECO'

hirundo: pasero-forma birdo, preskaŭ nigra, kiu kapablas tre rapide flugi.
luli: movi tien-reen (ekzemple bebon por endormigi ĝin, sed en la poemo la vento lulas gren-spikon)
spiko: la plej supra parto de gren-planto
rampi: moviĝi
kolono: multaj estaĵoj en longa vico kune irantaj
vico: linio formita, kiam multaj estaĵoj troviĝas unu malantaŭ la alia.
formiko: subteraj insektoj, kiuj multe laboras en organizitaj socioj.

VORTKLARIGOJ POR 'XCEL'

paralizita: ne kapabla moviĝi
likvidi: neniigi; detrui
fantazia: nereala, ekscita
ŝprucaĵo: likvaĵo, kiun oni liberigas en la aeron per gaspremo.



## Vojaĝo sur planedo Xcel

Unu someran nokton mi ne povis ekdormi kaj mi ekiris sur la strato. Subite apud mi aperis granda kosmo-ŝipo, el kiu eliris malgranda eksterlandano. Mi akompanis lin paralizitan de timo. Mi timis, ke *Homo* (tiel mi aŭdis, ke li nomiĝas) mortigos min. Sed mi eraris, *Homo* estis pacema, kaj li eĉ invitis min al planedo XCEL, ke mi likvidu manĝegulojn. Mi akceptis la kondiĉojn. La internaĵo de la ŝipo estis tre bone ordigita. Sur la planedo ni alvenis post 15 minutoj. XCEL estas fantazia planedo. Sur ĝi glaciaĵoj kreskas sur arboj kaj fruktoj produktiĝas en fabrikoj. Manĝegulojn povis likvidi nur la ŝprucaĵo 'INSEKTICID' – produktita en Jugoslavio. Kiam la manĝeguloj estis likviditaj mi ekestis generalo de armeo sur XCEL. Mi restis sur tiu fantazia planedo dek du horojn.

*Anita Rendulić*

## La mondo ne povas ekzisti sen laboro

Homoj kreis tiun ĉi mondon, en kiu ni vivas, per manoj. En la pasinteco homoj laboris per manoj, ĉar ili ne havis ilojn. Homoj multe laboris kaj inventis ilojn, kiuj helpas ilin. Sed ni ankoraŭ pli estimas tion, kion oni faris per la propraj manoj kaj la propra peno.

Iuj homoj faras sian laboron laŭ primitiva maniero. Ĉiuj devas labori. Homoj de la tuta mondo interkonsentis kaj elektis unu tagon "Festo de la laboro". Tiu tago estas la unua de majo. En tiu tago neniu laboras, sed en la ceteraj tagoj ni devas labori. Ni devas havi laborajn kutimiĝojn, ĉar nia mondo ne povas ekzisti sen laboro.

*Jasnica Trpute*




Du amikoj parolas telefone. Ili ekskursos kune. Mem kreu la konversacion, laŭ la suba zig-zaga skemo!

Salutu vian amikon.

Resalutu vian amikon kaj demandu kiel li aŭ ŝi fartas.

Respondu kaj demandu ĉu via amiko havas bonan ideon, kien ekskursi.

Respondu pozitive kaj donu vian ideon. Demandu, kion via amiko opinias pri via ideo.

Donu vian opinion pri la ideo de via amiko.

Demandu, ĉu via amiko havas alian ideon, kien iri.

Respondu pozitive kaj donu vian proponon.

Reagu al la propono de via amiko.

Decidu kune per interparolado, disklutado kaj disputado, kien vi iros.

Demandu kiajn vestaĵojn necesos surhavi aŭ kunporti.

Respondu kaj demandu kion alian necesas kunporti.

Respondu kaj demandu kiom da mono necesas kunporti.

Respondu kaj demandu, ĉu inviti iun alian kun vi en la ekskurso.

Respondu kaj demandu kie vi renkontiĝos.

Konsentu pri tio, ripetu la ĉefajn decidojn de via konversacio kaj salutu.

Kontrolu, ĉu via amiko bone komprenis ĉion. Salutu kaj finu la konversacion.

Ĉi tiu fablo estas de ne-konata verkisto antikva. Ĝi kaj aliaj estas kolektitaj en la verko "Kelile kaj Demne". S-ro Habib-ollah Lezgi simpligis ĝin por enmeti en libron *Antikvaj fabloj el la persa literaturo* el kiu la teskto estis prenita por la traduko. Estas interese, ke aliaj variaĵoj de ĉi tiu rakonto estas konataj en la antikva japana kaj angla fablaro, kaj verŝajne en multaj aliaj.



موش کوچك گفت:
ـ باد از ابر قوی‌تر است، نگاه کن چگونه این همه ابر، بازیچهٔ باد شده‌اند.
موش کوچك فریاد زد:
ـ ای باد! تو که از خورشید و از ابر قوی تری، حاضری با من دوست بشوی؟!...



# La eta MUSO

La eta muso diris al sia patrino: "Mi ne plu restos en tia ĉi malgranda kaj senluma domo. Mi volas foriri kaj trovi la plej fortan estaĵon sur la tero!"

La patrino de la muso, dum ŝi manĝigis siajn bebojn, ridetis kaj diris: "La plej forta estaĵo sur la tero estas muso!"

La eta muso ekridis... sed iom poste eliris el la hejmo. Ĉie estis verde kaj freŝe. La suno plej supre brilis. La eta muso pensis en si: "La plej forta estaĵo sur la tero estas la suno, mi iros amikiĝi kun li."

La eta muso iris en la direkto de monto, sed ankoraŭ ĝi apenaŭ atingis ĝin, kiam nigra nubo kovris la sunon, kaj ĉie iĝis senlume. La eta muso pensis; "Ho, nun mi komprenas; la nubo estas pli forta ol la suno. Mi iros al la nubo."

La muso alvenis al la monto-piedo kaj komencis grimpi supren. Ju pli ĝi supreniĝis, des pli la vetero malvarmiĝis, kaj la vento pli rapide blovis. La vento forblovis la nubon.

"Nu, vere, ĉu ne la vento estas pli forta ol la nubo?" demandis la eta muso: "Jes, la vento estas pli forta ol la nubo, vidu kiel tiom da nuboj estas kvazaŭ ludiloj por la vento." La museto ekkriis:

"Ho, vento! Vi, kiu estas pli forta ol la suno, kaj la nubo, ĉu vi akceptus amikiĝi kun mi?!"

La vento kun pli kaj pli da rapideco blovis kontraŭ la monton, kaj ĝemis. La museto atentis, kaj ŝajnis al ĝi, ke la vento diras: "La monto estas la plej forta! Mi povas detrui ĉiujn arbojn, domojn kaj ĉion; sed kiam mi atingas la monton, mi malfortiĝas. Kiam per mia tuta forto mi blovas kontraŭ la monton, ĝi staras senmova kaj stabila, kvazaŭ nenio estis okazinta."

La eta muso forte miris. Verŝajne la vento pravis. La monto prezentiĝis starema kaj nenio povas kontraŭ-stari ĝin. La eta muso diris al la monto: "Ho, vi, Granda Monto! Ĉu vi, kiu estas pli forta ol la suno, nubo kaj la vento akceptus amikiĝi kun mi?!"

La monto silentis kaj ne respondis. La eta muso kriis: "Patrino! Mi estas ĉi tie. Mi jam trovis la plej fortan estaĵon sur la tero: estas la monto!"

La patrino de la museto diris: "Venu mia museto! Venu malsupren! Venu por ke mi montru al vi la estaĵon pli fortan ol la monto!"

La eta muso ekmiris, kaj diris al si: "Ne! Nenio estas pli forta ol la monto!" Ĝi malsupren iris. La patrino diris: "Ni musoj estas pli fortaj ol la monto. Rigardu, kiel ni faris truojn en la monton, kaj faris domojn en ties korpo. Se vi demandos la monton mem, ĝi respondos al vi same."

La museto bone aŭskultis. Ŝtonoj falis de la supra parto de la monto kaj faris sonojn. Kvazaŭ la monto diris: "Muso! Fi, muso! Estas vi, kiu truigas min kaj detruas min. La muso estas pli forta ol mi."

La eta muso ĝojiĝis el la tuta koro kaj ridis. Ĝi sekve diris: "Patrino, vi dekomence diris, ke la muso estas la plej forta; sed mi ne kredis. Do, vere ni estas la plej fortaj?!"

La patrino, dum ŝi revenigis la museton al la nesto diris: "Jes, mia filo, ni estas la plej fortaj."

El-persigis:
Ŝirin Ahmad-Nia, Irano.



VORTKLARIGOJ

akcepti: konsenti, diri 'jes'.
miri: senti kaj montri surprizon.
variaĵo: versio.


LA INSULO
Ŝipo sinkis. Tri viroj naĝis al ĉi tiu insulo. Ili loĝis tie dum du jaroj. La insulo estis tre malgranda kaj ili estis tre malkontentaj.
Unu tagon, ili iĝis tre feliĉaj ĉar alvenis botelo al ilia insulo. Ili malfermis ĝin kaj elvenis fantomo – ĝenio!
Vi liberigis min, do mi plenumos tri viajn dezirojn!
Ekparolis unue la brito:
Mi estas soleca sur ĉi tiu insulo. Mi volas esti kun mia edzino en Londono denove!
Tuj via deziro estos plenumita!
La brito tuj malaperis. Restis nur du viroj sur la insulo.
Ekparolis la franco:
Mi estas s________ sur ĉi tiu i________. Mi v______ esti kun mia amatino en P________ d________.
Bone, mi aŭdis la duan deziron, kaj t____ via deziro estos pl________
La fr______ tuj mal________ kaj restis nur u___ viro sur la insulo k___ la ĝenio.
Jen, mi nun pl_______ du dezirojn. Restas a_________ nur unu. Pensu bone!
?
La tria viro, kies naciecon ni ne malkaŝos, pensis kaj pensis...




# Kiel trinki soifante?

Kiel trinkas la ĉevalo?
Kiel trinkas la bovin'?
Zorge trinkas en la stalo
La ĉeval' kaj la bovin'.
Ili ne englutas haste
Fridan akvon kun avid',
Por ke ne efiku draste
Enstomake la likvid'.
Tial ankaŭ vi prudente
Agu kiel saĝa best',
Ke evitu vi prevente
Malordigon de l'intest'.

*Rikardo Ŝulco,*
*Mindeno, FR Germanio*



stalo: dormejo por bestoj
gluti: verŝi trinkaĵon laŭ la gorgo
haste: rapide
frida: tre malvarma
avido: granda deziro
draste: severe
likvido: substanco nek gasa, nek solida, ekz. akvo, lakto, limnado.
prudente: atente; zorge
eviti: malhelpi, ke okazu io malbona
intesto: digesta tubo en la korpo.

## FERVORA LOKOMOTIVESTRO

En fervojista vesto –
lokomotivestro.

Ĉiufoje, tre fervore,
li veturas nur fervoje.

Blazio Waha



Vapor-lokomotivo en la nov-zelandaj alpoj en 1972

# Fumo kaj fajro

James Watt rigardis poton da akvo boli. Li vidis, ke la vaporo havas premon aŭ forton, kiu kapablas iomete levi la supran kovrilon de la poto. "Se nur ni povus uzi tiun forton por fari utilan laboron por ni." li pensis. Li poste konstruis kelkajn maŝinojn, kiuj plenumis laboron en fabrikoj. Aliaj inventistoj konstruis vaporajn lokomotivojn, kiuj kapablis tiri varojn aŭ pasaĝerojn laŭ feraj trakoj: tiel naskiĝis fervojoj. Ili ludis gravan rolon en la Industria Revolucio de la komenco de la deknaŭa jarcento. Tre rapide Britio inundiĝis en fervojaj linioj, konstruitaj de multaj privataj kompanioj. Linioj en Ameriko kaj Ruslando transiris kaj unuigis kontinentojn. Nuntempe vaporlokomotivoj vivas por multaj el ni nur en memoroj kaj muzeoj, nur en kelkaj landoj – Ĉinio kaj Hinda Unio precipe – ili ankoraŭ funkcias ĉiutage. Sur la venontaj paĝoj, en la formo de speciala krucvortenigmo, legu iom pli pri ĉi tiuj majestaj monstroj de fumo kaj fajro.

# Fumo kaj Fajro

## Lokomotiva krucvort-enigmo



*Legu la sekvan rakonton. Vi trovos en ĝi kelkajn mankantajn spacojn. Ili ĉiuj portas numerojn. Ili indikas lokon en la supra trajno-forma enigmo. Litero* h *post cifero signifas* horizontale *dum* v *signifas kompreneble* vertikale. *Sukceson!*

Trajno bezonas ........(27)........., kiu tiras la ........(32)......... . La unuaj lokomotivoj funkciis .......(20)......... En tiuj lokomotivoj, la plej kutima brulaĵo estis .........(5)........-o, sed kelkaj bruligis oleon, kiun oni devis ........(7).......-i. Oni bruligas la oleon aŭ alian brulaĵon en granda ujo: .......(8)....... stomako. Tiu brulejo estas tre varma; se oni ĵetus terpomon en ĝin, ĝi estus tre baldaŭ .......(1)....... En tiu brulejo oni varmigas akvon, kiu ĝis tiam troviĝis en ......(3v).......-o malantaŭ la lokomotivo, kiu ne rajtas havi truojn, t.e. ne rajtas esti .......(18)........

La lokomotivestroj povis uzi tiun bolantan akvon por prepari .....(16)...... por si, aŭ eĉ por kuiri .....(28)....-ojn. Sed la plej grava tasko por tiu bolanta akvo estas vaporiĝi, eniri cilindrojn kaj puŝi piston. Tiu movado pluiras per stangoj al la radoj kaj turnas ilin. La uzita vaporo eskapas. Ĝi estas blanka. Sed la .....(19)..... estas ofte densa kaj griza aŭ eĉ .......(26).....-a. La plimulto de lokomotivoj havas nur ....(30)...... cilindrojn, sed kelkaj havas tri aŭ kvar. Bona lokomotivestro povis zorgi, ke sia lokomotivo ne .......(15)...... akvon kaj brulaĵon. Por averti pri danĝero la lokomotivo povis krei tre laŭtan ......(12)........: la vaporo pasis tra speco de fluto kaj tiel ĝi povis ..........(21).......... En fruaj fervojaj sistemoj, ĉiu devis .....(22)..... laŭ striktaj reguloj, ne nur de sekureco sed ankaŭ de etiketo (eĉ la lokomtivestroj devis porti kompleton kaj ........(13)......-on.). Pro la sekureco, lokomotivestro rajtas foriri de stacidomo nur post .......(2)........ de verda lumo.

La unua fervoja akcidento okazis en ĉirkaŭ 1830 dum inaŭguro de la fervoja linio inter Liverpool kaj Manĉestro en Britio. Gravulo volis ......(6)....... la trajnon, sed li .....(10h)....... senzorge laŭ la trako .......(14)....... ĝi, dum io ......(9).......-is lian atenton, alia trajno alvenis kaj frapis lin. En tiu frua tempo riĉaj nobeluloj kaj ......(4)......-oj kun siaj edzinoj povis veturi al stacidomo en siaj luksaj ĉaroj; oni malkuplis la ĉevalojn kaj puŝis la ĉaron sur platan var-vagonon. Tiel la ......(11)...-nobeluloj povis vojaĝi trajne ......(24)...... sia propra kaj privata ĉaro. Post la alveno oni forpuŝis la ĉaron de la vagono kaj ligis aliajn ĉevalojn, tiel ke la nobelulo povis daŭrigi sian vojaĝon strate.

La moderna ekvivalento de tio estas la aŭto-dorm-trajnoj, kiuj konsistas el dormvagonoj kaj aŭto-transportiloj. Ni ŝoforas ĝis la ekira stacidomo, surtrajnigas ......(31)......aŭton kaj mem povas dormi trankvile la tutan nokton dum ni vojaĝas .......(17v)...... kilometrojn aŭ eĉ pli – tio estas, kondiĉe, ke la lim-gardistoj ne veku nin por kontroli la pasporton kaj la .......(10v).........

Sed ekde la kvindekaj jaroj vaporaj lokomotivoj rapide komencis malaperi, pro ilia ........(17h)......... Vapora lokomotivo povis funkcii dum ĉ. 10 horoj el 24, sed dizela aŭ elektra lokomotivo povas utili ĝis 20 el 24. La plej rapida vapora lokomotivo en la mondo atingis rapidecon de 200 km/h en 1935 en orienta Anglujo. Ĝi nomiĝis "Mallard" kaj ĝi ankoraŭ ekzistas en muzeo, kaj kapablas funkcii ankoraŭ, danke al la entuziasma .....(3)...-ado de multaj amatoraj trajnamantoj. La plej rapida pasaĝera trajnservo en la mondo estas la "Train à grand vitesse" (Trajno de granda rapideco) en Francio. Kiam oni veturas per ĝi oni ne sentas grandan moviĝon aŭ rapidecon, sed tio estas ......(23).....-a. Ĝi regule atingas 270 km/h en servo kaj atingis 380 km/h dum testo. Tiu TGV ....(29).....-as de Liono al Parizo kaj atingas tiun ........(25)........ en du horoj pre-

cize. La plej nova rekordo por rado-hava trajno estas 406 km/h, kiun oni atingis per test-trajno en FR Germanio pasint-jare.

KAŜFRAZERO: Kion sentas tiuj amatoraj entuziasmuloj, kiuj renovigas malnovajn vaporajn lokomotivojn? Metu la literojn el la enigmo en la subaj spacoj laŭ la ciferoj:

32 24 2 3 26   31 28 12 16 22 27 4 23 28 26

Sendu vian respondon sur poŝtkarton aŭ en leteron al Juna amiko, HEA, pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario ĝis la 30a de aprilo 1989. Ni lotumos premiojn el inter la ĝustaj respondintoj.




Nia bildo montras la faman vapor-lokomotivon 'Mallard', kiu tiris la renoman ekspreson 'Flying Scotsman' (fluganta skoto) en la tridekaj jaroj. Tiu ekspreso, 12-vagona kaj 426-tuna, veturis senhalte ĉiutage inter Londono kaj Edinburgo. Oni replenigis ĝian akvujon el interrelaj trogoj, dum ĝi rapidis antaŭen – tio bezonis multan forton kaj lerton. Du skipoj (estro kaj ŝovelisto) kunveturis kun la trajno. Mallarĝa koridoro flanke de la akvejo/karbejo permesis al la skipoj dividi la laboron sen haltigi la trajnon.

Eĉ hodiaŭ la moderna kaj potenca dizela trajno 'HST Intercity 125' (malantaŭe sur la bildo) ne povas proponi pli rapidan servon. La 125 aludas ĝian maksimuman rapidecon – 125 mejlojn hore, t.e. 200km/hore, kaj tiun rapidecon atingis ankaŭ 'Mallard', almenaŭ unufoje. Pli rapidan servon por tiu 632-kilometra vojaĝo oni atingos nur en 1992 kiam la tuta orienta ĉef-linio estos elektrizita, kaj novaj lokomotivoj de la tipo 'Electra' (klaso 91) estos konstruitaj laŭ la nun ekzistantaj ses prototipoj. Tiuj lokomotivoj havos maksimuman rapidecon de 225 km/hore.

# KVAR GAZETOJ

*ESPERANTO*: La revuo *Esperanto* estas la oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio. Ĝi estis fondita en 1906. En ĝiaj fruaj jaroj redaktis ĝin la fondinto de UEA, Hektor Hodler. Ĝi nun aperas monate (fakte 11-foje en la jaro – ĝi ne aperas en aŭgusto, la kongresa monato). Ĉiu numero havas 24 paĝojn. Ĝi estas movada gazeto: ĝi donas informojn pri la instruado, uzado kaj progreso de Esperanto. En la fino aperas regula rubriko *Loke – Fake – Persone*. Ĝi prezentas mallongajn informojn pri kunvenoj, manifestacioj, kursoj kaj simile, kiuj estas donitaj laŭlande (tio estas *loke*), pri novaĵoj en la scienca, profesia aŭ hobia uzo de Esperanto (t.e. *fake*) aŭ pri la faroj de konataj esperantistoj (t.e. *persone*).

Du rubrikoj prezentas novajn librojn, diskojn kaj kasedojn. *Recenzoj* donas detalajn informojn kaj kritikon (pozitivan aŭ negativan) pri grava nova libro. Ĝin verkas unu persono (ne la aŭtoro!) kaj la kritiko estas lia aŭ ŝia persona opinio pri la verko. Ne estas spaco en la revuo recenzi **ĉiujn** novajn librojn, do estas dua rubriko *Laste aperis...*, kiu efektive mencias **ĉiun** novan eldonaĵon per kelkaj bibliografiaj informoj: titolo, aŭtoro, eldonanto, eldona urbo, eldonjaro, dimensioj (formato, grandeco) de la libro, ĉu ilustrita (bildo-hava) aŭ ne, sekvata de tri aŭ kvar linia resumo de la enhavo. Jen ekzemplo:

> **Praavo kaj la kotokukoj.** Sigrún Eldjárn, el la islanda esperantigis Ragnar Baldursson, japanigis Sari Ohyama. Tokio: Libroteko Tokio, 1988. 28p. 18x25cm. Bind. Kolorilus. Ĉarma dulingva rakonto pri kvarjara knabino kaj ŝia kunludema praavo. 15,00 gld.

La revuo prezentas ĉefe pli longajn artikolojn, pri la lingvo mem (lingvistiko), pri la laboro de UEA, pri ĝiaj rilatoj kun mondaj organizaĵoj kiel Unesko kaj Unuiĝintaj Nacioj, pri la instruado de Esperanto, pri ĝia literaturo (ekz. poemoj, romanoj), kulturo (ekz. kantado, dramo) kaj pri lingvaj problemoj en la mondo.

Oni redaktas ĝin en la Centra Oficejo de UEA en Roterdamo, la redaktoro estas nov-zelandano, Mark Fettes, kaj ĝia eldonkvanto estas ĉ. ok mil.

*HEROLDO* estas sendependa gazeto, fondita en 1920 de Teo Jung. 'Sendependa' signifas, ke ĝi ne apartenas al asocio aŭ organizaĵo.

Tamen ĝi estas politike kaj religie neŭtrala. Ĝi aperas 17-foje en la jaro kaj do estas la plej ofta internacia gazeto. Pro tio ĝi donas grandan parton de ĝia

spaco al aktualaj raportoj kaj movadaj novaĵoj. Ĝi kutime havas ok grand-formatajn paĝojn kaj aperigas multajn fotojn. Sur interna paĝo serio de bildoj prezentas la rubrikon *Nia filmo*. Ĝi krome aperigas foje-foje sciencajn aŭ literaturajn suplementojn, kaj en aŭgusto ĝi aperigas specialan kongresan numeron. En marto ĝi ĉiam aperigas kalendaron de estontaj esperantistaj renkontiĝoj kaj kongresoj. Ĝi havas recenzojn, anoncojn, anoncetojn kaj apartan rubrikon *Korespondi deziras* same kiel nia revuo – sed ne nur por junuloj.

Ĝia eldonkvanto estas inter 2 kaj 3 mil. Unue ĝi estis eldonita en Germanio, poste en Nederlando, poste en Hispanio kaj nun en Italio. La redaktoro estas polino, s-ino Ada Fighiera-Sikorska. Jarabono varias laŭlande de $9 en ekz. latinamerikaj landoj ĝis $19 en Usono. Oni povas peti specimenon kaj abon-informojn de *Heroldo*, Via N. Sande 15, I-10078 Venaria Reale (TO), Italio.




KONTAKTO estas revuo por junuloj eldonata de la junulara sekcio de UEA, Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO). Ĝi estis fondita en 1963; la unua redaktoro estis Humphrey Tonkin, la nuna prezidanto de UEA.

Ĝi nun aperas sesfoje en la jaro, ĉiufoje kun 16 paĝoj. Same kiel revuo *Esperanto*, pluraj paĝoj estas dukoloraj; ĝia eldonkvanto estas inter 1500 kaj 2000. Ĝi aperas en Esperanto, sed ĝi malofte temas pri Esperanto, ĝi ne estas

primovada, sed primonda. Ĝi prezentas mallongajn artikolojn en simpla Esperanto. Do, niaj legantoj povos bone progresi de *Juna amiko* al *Kontakto*. Ĝi estas pli facile legebla ol la aliaj gazetoj prezentitaj. Ĉiu artikolo portas indikon pri ĝia facileco laŭ kvar-ŝtupa skalo. Artikolo je nivelo 1 estas tre facila kaj uzas nur 520 vort-radikojn (en *Juna amiko* ni principe uzas 700). Artikolo je nivelo 2 rajtas uzi mil vortojn.

Se oni devas uzi vorton ekster tiuj limoj, aperas klarigo de ĝi fine de la artikolo, same kiel en nia revuo. En nivelo tri ne estas vort-trezora limo, sed la frazoj ne estas tro longaj kaj la stilo ne tro komplika. En nivelo kvar ne estas limigoj. La redaktoro kaj la plimulto de la verkantoj estas junuloj. La nuna redaktoro, Leif Nordenstorm, vivas en Svedio, sed la gazeton oni presas en Antverpeno.

Ĝi ofte prezentas artikolojn pri diversaj landoj, pri historio, famaj personoj, pri sociaj, ekonomiaj aŭ politikaj temoj. Sed (same kiel *Esperanto*) ĝi respektas la neŭtralecon de UEA kaj TEJO kaj sekve eĉ se artikolo prezentas politikan problemon, ĝi ne prenas starpunkton pri ĝi.

La abonkotizoj por *Esperanto* kaj *Kontakto* varias laŭlande: informojn kaj specimenojn de UEA/TEJO, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

*MONATO* estas la plej juna el la revuoj. Ĝi estis fondita el 1979 kaj, kiel la nomo indikas, aperas monate. Same kiel *Kontakto* ĝi estas ne-movada gazeto, sed malsame kiel ĝi, *Monato* estas por personoj de ĉiu aĝo. Ĝi estas sendependa kaj ne-neŭtrala pri politiko, religio ks. Legantoj el multaj landoj regule skribas leterojn aŭ artikolojn pri tiuj temoj kaj esprimas fortajn opiniojn por aŭ kontraŭ iu politika aŭ religia aŭ ekonomia aŭ socia ideo. Sed ĉies opinion oni aperigas, do resume ĝi fakte rezultas en alispeca neŭtraleco (pli ĝuste ekvilibro de vid-punktoj). Aldone al tiuj ĉefartikoloj pri mondaj temoj (politikaj eventoj, monda sano, malsato, terorismo, homaj rajtoj ktp. ktp.) aperas regulaj rubrikoj pri turismo, kuirarto, scienco kaj por junuloj. Literaturo ankaŭ aperas: ĉiunumere oni povas legi eseon, novelon kaj satiron kaj solvi enigmon. La magazino (abunde ilustrita revuo) ne aperigas tradukojn, ĉio estas verkita originale en Esperanto; tiuj verkantoj loĝas en kvindeko da diversaj landoj. Pro tiu abunda enhavo, ne surprizos vin la informo, ke ĉiu numero ampleksas 32 paĝojn.

La redaktoro estas germano, Stefan Maul; la magazino estas presita en Antverpeno, Belgio. La abonprezo varias laŭlande: por specimeno kaj informoj skribu al: FEL, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.

## Nun ni testos vian komprenon

Horizontale vi trovos kvin gazetojn. Vertikale vi vidas la numerojn 1 ĝis 10. Ili rilatas al la sekvaj dek faktoj. La faktoj veras por unu ĝis kvar el la gazetoj. Se fakto veras por la nomita gazeto, kolorigu ĝian spacon en la diagramo. Kontrolu ĉiujn 50 spacojn kaj vidu fine kion vi desegnis!

1. Ĝi havas pli ol 30 paĝojn.
2. Ĝiaj redaktoroj havas la saman antaŭnomon.
3. Ili estas politike kaj religie neŭtralaj.
4. Ili uzas simpligitajn lingvaĵojn.
5. Ili estas ĉefe por junuloj.
6. Ili estis fonditaj antaŭ 1974.
7. Ĝi estas eldonata en Hungario.
8. Ilin oni presas en Antverpeno, Belgio.
9. Iliaj eldonkvantoj estas 4000 ekz. aŭ pli.
10. Ili estas ne-movadaj gazetoj.




## Perantaj novaĵoj

En la listo de perantoj en nia lasta numero, aperis la malĝusta poŝtkodo de nia jugoslava peranto: devis stari YU-11070; jarabono por 1989 kostos 1500 dinarojn.

Mankis la poŝtĉekkonta numero de nia sveda peranto: 147429-5.

**Ne forgesu, ke vi rajtas peti ekstrajn ekzemplerojn de nia varbilo kaj uzi ilin por trovi novajn legantojn por ni.**

# Kiu Pli Bone Saltas?

Ĉe la bordo de malgranda rivereto apud maljuna abio sidis ranido Laŝko, sciurido Saltineto kaj erinacido Erinacetino. Laŝko kaj Saltineto demande rigardis Erinacetinon, sed ŝi heziteme movetadis siajn pinglojn kaj pensis pri tio. Finfine ŝi diris: "Mi eĉ ne scias..."

"Nu, kio vi estas? Pli atenteme vi rigardu! Juĝanto vi nomiĝas!"

"Jam kvinfoje ni montris la aferon" interrompante unu la alian ekbruis kaj la sciurido kaj la ranido.

La afero estas tiel, ke ili vetis, kiu el ili pli bone saltas kaj Erinacetinon ili elektis juĝanto. Tamen, ŝi neniel povis decidi pri ilia veto. Jam kvinfoje demonstris la bestidoj sian lertecon. Saltineto saltis sur la maljuna vila abio. Ŝi saltis, kiel ruĝhara hirta pilketo. Kaj Laŝko ensaltis la mezon de la rivereto, sur folion de nimfeo kaj, eksaltante, faradis en la aero neimageblajn piruetojn. Ili saltadis tiel bonege, ke Erinacetino simple ne povis decidi, kiu el ili saltas pli bone.

Subite la bestetoj ektremis pro akrega abomena voĉo: "Sed malkor*rr*ekte! Kaj malr*rr*egule! Kaj ĉion kontr*rr*aŭe!" Sur najbara sorparbo sidis korniko. Nekonata.

"Bonan vesper*rr*on!" diris ĝi kaj mokeme kapklinis: "Miajn bondezir*rr*ojn."

"Bonan vesperon," respondis la bestidoj: "Kaj vi?"

"Kaj mi venas de malproksime. Sed mi ĉion scias pri ĉio. Jen!"

"Sed kio estas malkorekta?" demandis la ruĝhara lanuga Saltineto.



"Kaj kio estas malregula?" aldonis la grandokula verdega Laŝko.

"Kaj kio estas kontraŭa?" embarasiĝis Erinacetino.

La korniko transflugis de la sorbarbo al ŝtipeto. Ĝi fiere ekrigardis la ranidon, sciuridon kaj erinacidon kaj diris grave: "Ja kontraŭa estas tio, ke ĉio estas kontraŭa!"

"Kio?" – ne komprenis la bestidoj.

"Tio!" profund-sence diris la korniko, paŝante sur la ŝtipeto: "Tio, ke ruĝharulino devas fari tion, kion faras la verdulo, kaj la verdulo tion, kion faras la ruĝharulino."

"Ĝuste!" ekĝojis kaj elturniĝis Erinacetino: "Rapide ŝanĝu la lokojn. Kaj ni komencu: Laŝko – saltu sur la abion, kaj Saltineto – sur la nimfeon, en akvon! Nu, ek!"

"Ni provu..." diris la sciurido kaj la ranido.

Tre heziteme ili tion diris, kaj tio estis komprenebla. Ĉu ranido estu sur abio?! Ĉu sciureto estu sur nimfeo en rivereto?

Kaj jen sur la verda abio saltis la verda Laŝko, verdire, ĝi provis sin teni sur la dorna branĉo, sed provu elteni, se vi havas sur la piedetoj ne blankajn ungojn, sed ranajn membranojn! Kaj jen brue falis la verda ranido de la malhelverda maljuna abio en helverdan herbon. Kiom ĝi ĝeniĝis!

Samtempe el la rivereto rampis malsekega Saltineto, el kiu eblis eĉ elpremi la akvon. La nimfea folio ne eltenis la sciureton kaj jen la rezulto: ne lanuga sciureto, sed malsekega fela buleto aperis sub la abio. Ĝislarme konfuziĝis Saltineto.

"Malagrrrrable!! Terrrrure! Vi ne ellerrrrnis salti! Ambaŭ: kaj la ruĝharulino kaj la verdulo!" fimokadis la korniko.

Ili devis konsenti kaj treege ĉagreniĝis. Tamen subite Erinacetino ekkriis tra la tuta arbaro: "Mi komprenis! Ĉio ne taŭgas! La korniko estas stulta kaj malica. Ĝi intence ĉagrenigis nin. Laŝko! Saltineto! Vi ambaŭ saltas bonege. Nur diverse, laŭ viaj bezonoj. Nu, rapide, ek! Laŝko, saltu en la akvon! Saltineto, sur la abion!

"Ĝuste!" diris la korniko mallaŭte, por ke neniu aŭdu. Sed per la tuta gorĝo ĝi ekkriegis: "Mi prrrotestas!!!"

Tamen jam neniu ĝin aŭskultis. La bestidoj saltis kun plezuro, ambaŭ laŭ sia scipovo, sed ambaŭ bonege.

Natalja Abramceva
Tradukis el la rusa: NikSt, Moskvo



VORTKLARIGOJ

abio: speco de pinglo-arbo aŭ pin-arbo.
sciuro: ronĝula besto, kiu arigas nuksojn.
erinaco: bestoj kun pigla dorso.
veti: du personoj kun malsamaj opinioj pri io ambaŭ proponas monsumon; kiu fine pravas gajnas la tuton.
vila: haro-hava.
hirta: haro-stara.
nimfeo: akvo-lilio, simila al lotuso.
pirueto: bela movo de baleda dancisto.
ŝtipo: ligno-peco, trabo.
dorno: pikaĵo, akra planta pinto.
felo: besta haŭto kun haroj.
bulo: rond-forma objekto.
ĝislarme: ĝis venis larmoj, t.e. plor-akvo.
gorĝo: kri-ilo ene de la nuko.
sci-povo: kapabloo.

# Klubo de Legantoj

Gvidas: Josef Chvosta, Leninova 16, CS-29001 Podebrady, Ĉeĥoslovakio.

Karolo rakontas al siaj kamaradoj: "Mi ŝatas lerni multajn fakojn. Mi legas multajn librojn, ne nur lernolibrojn. Mi havas bildojn de la grandaj piramidoj en Hindio, de belaj pagodoj en Sud-Afriko kaj de glit-ĉaroj trenataj de hundoj sur neĝo en Egiptio. Mi legis pri la venko de la angla imperiestro Napoleon Bonaparte apud Borodino en Germanio dum la Dua Mondmilito. En unu libro estas priskribo de trijara ŝipveturado ĉirkaŭ la mondo, kiun entreprenis Jules Verne en 1789 ĝis 1792. Sed ankaŭ romanoj el la historio de inkaoj kaj majaoj en Izraelio estas interesaj. Iama Palestinio estas nuntempe Japanio, kie naskiĝis la budhana profeto Mahometo. Mi vidis filmon pri la Unua Mondmilito "Falo de la naziisma ĉefurbo Berlino". Mi ofte rigardas historiajn filmojn, ekzemple "Milito kaj Paco" pri la tridekjara milito, "Faraono"pri estro de indianoj kaj "En okcidento trankvilo" pri revolucio en Italio.

La kamaradoj aŭskultis kaj miris, sed certe ne pro la scioj de Karolo, tamen pro la multaj eraroj, kiuj estas en preskaŭ ĉiu linio. Ĉu vi povas trovi ĉiujn erarojn kaj reĝustigi ilin? Skribu la ĝustan tekston kaj sendu ĝin al la supra adreso. Vi ricevos belajn vidaĵ-kartojn.

Se vi studas en grupo, la teksto povas esti ludo. Unu laŭtlegu la tekston, la aliaj devas aŭskulti kaj tuj, kiam iu aŭdas eraron, tiu devas krii *halt'!*. Kiu unue krias ricevas unu poenton se vere estas eraro, kaj plian poenton por la ĝustigo. Kiu krias *halt'* kiam ne estas eraro perdas poenton. Vi bezonos lertan lud-estron kaj poentiston!



kamarado: amiko
piramido: kvar-randa konstruaĵo kun supra pinto
pagodo: speco de alta templo kun multaj tegmentoj
treni: tiri per la tuta korpo
imperio: rego, landaro kun unu estro
profeto: estro, kiu antaŭ-vidas la estontecon.

## DEZIRAS KORESPONDI

### Bulgario

Emilia Ivanova, Odzin 9, bl. 2, vh. A, ap. 16, BG-9700 Sumen; 22-jara, ĉiuj landoj, ŝatas sporton, muzikon kaj historion.

### Ĉeĥoslovakio

JUNES-klubo, p/a Karel Doknal, CS-747-84 Budiŝov N.B. 690; pionir-doma grupo volas interŝanĝi spertojn, E-ludojn, kantetojn, humuraĵojn, ĵurnalojn kaj esperantaĵojn kun aliaj grupoj.

### Ĉinio



Wang Ming, Shengangzhong Xin, Jiangsu, Jiangyin, 214443; 22-jara, dez. amikiĝi kun junuloj el Hungario, Bulgario, Francio kaj FR *Germanio.*

### Francio

Esperanto-klubo CES, p/a P. Naulet, F-49490 Noyant; naŭ gelernantoj inter 11- kaj 13-jaraj, dez. kor. tutmonde pri ĉ.t.

### Germana DR

Annett Rothe, Langenberger Str. 15B, DDR-8401 Glaubitz; 15-jara junulino dez. kor. tutmonde pri muziko, bestoj kaj lingvoj. Ankaŭ Ines (la fratino) 13-jara, pri sporto kaj ĉ.t.

### Hungario

Adorján, Benedek kaj Ágoston Princz, Sallai I. u. 4 II 3, H-1136 Budapest. Tri fratoj (11-, 8- kaj 7-jaraj respektive) dez. kor. pri ĉ.t.

### Pollando

Slawek Brudko, ul. Sloneczna 24, PL-64-212 Siedlec; 14-jara lernanto en elementa *lernejo (sepa klaso). Dez. kor. kun samaĝaj* hungaroj.

Renata Zaczek, Maków 38, PL-96-124 Maków, woj. Skierniewickie. 12-jara lernantino, interesiĝas pri matematiko, kolektas poŝtmarkojn kaj bildkartojn.

Krystyna Mamok, Esperanto-klaso, Szkola Poodstawowa 40, ul. Zgrzebnioka 45, PL-43-100 Tychy. Instruistino pri geografio en elementa lernejo, dez. kor. kun instruistoj de similaj grupoj. Prizorgas tri nedevigajn Esperanto-grupojn por 11- ĝis 13-jaruloj. La klasoj volas ricevi salut-kartojn, E-revuojn, insignojn kaj E-aĵojn por ekspozicio kaj por premii lernantojn.

Maria Rzepa, Iel Lipowa 3, PL-67-115 Bytm Odrzanski. Grupo de 11- kaj 12-jaraj komencantoj dez. kor tutmonde pri ĉ.t.

Adam Solak, Kottataja 19/7, PL-45-064 Opole. 9-jara knabo, tutmonde pri ĉ.t., kolektas poŝtmarkojn kaj bildkartojn, ludas la violonon.

### Sovet-unio

Nikitin Vadim, Str. A. Nevskogo 11-107, SU-150052 u. Jaroslavlo. 11-jara, dez. kor. tutmonde pri ĉ.t.

Ĉumakov Alekseo, str. Dzerĵinskogo 57-89, SU-150052 u. Jaroslavlo. 12-jara, dez. kor. tutmonde pri ĉ.t.

Eremeev Andreo, str. Dzerĵinskogo 57-167, SU-150052 u. Jaroslavlo. 12-jara, dez. kor. tutmonde pri ĉ.t.

Krilov Igor, str. A. Neoskogo 11-51, SU-150052 u. Jaroslavlo. 12-jara, dez. kor. tutmonde pri ĉ.t.

Anĵela Zarickaja, ul. Kr. Majaka d. 8/2 107, SU-133519 Moskva. 13-jara junulino, kolektas monerojn kaj bildkartojn de bestoj kaj urboj. Dez. kor. tutmonde, amas bestojn.

Oleg A. Demjaŝev, Nova urbo, 4/08-127, SU-423819 Breĵnev, Tatario.

Olga Jakovenko, str. Frunze 16, SU-325000 Ĥerson, Ukraino. Lernantino el la 8a klaso, dez. kor. tutmonde kun 14-15-jaraj knabinoj aŭ 15-18-jaraj knaboj. Interesiĝas i.a. pri kolektado, muziko.

Esperanto-klubo Leo Tolstoy, Str. Volhonka 13, SU-119034 Moskva. Kvardek ok klubanoj dez. kor. pri ĉ.t. tutmonde. La klubo havas tradukistan, poezian, teatran kaj kantan sekciojn kaj jam funkcias dum unu jaro.

Ni aperigas korespond-petojn de junuloj kaj instruistoj senpage. Bonvolu skribi klare kaj doni plenajn informojn. Se vi sendos bonkvalitan nigra-blankan foton (individuan aŭ grupan) eble ni povos aperigi ĝin.

dez. kor. = deziras korespondi
ĉ.t. = ĉiuj temoj
i.a. = inter alie
ktp. = kaj tiel plu
ks. = kaj simile

## NOTOJ

Muzea prospekto: La domo por junaj turistoj 'Anna Hempel' en Oelsnitz eldonis kartonan ludilon per kiu oni povas konstrui modelon de la historia turo de la mondfama ŝtonkarba muzeo 'Karl Liebknecht' en Oelsnitz. Estas interesa ludilo por infanoj kaj havaĵo por kolektantoj. Oni eldonis ankaŭ malgrandan informtekston en Esperanto pri la muzeo. Interesitoj turnu vin al: Ch. Pappenmeier, Touristenstation, DDR-9158 Hohndorf, Germana DR.

Broŝuro 'Norvegujo': Aperis la dua reviziita eldono de la grand-formata kolore ilustrita turisma broŝuro pri Norvegio. Ĝi estas oficiale eldonita de la Reĝa Norvega Ministerio pri Eksteraj Aferoj kaj havas ok paĝojn da belaj koloraj fotoj kaj 16 paĝojn da teksto en Esperanto, kiu prezentas la landon, popolon, vojaĝadon, naturon, historion, politikan vivon, ekonomion, industrion, agrikulturon, kulturon, sanservon kaj edukadon de tiu majeste bela nord-eŭropa landego. Multaj mapoj akompanas la tekston. Ekzempleroj estas senpage haveblaj de la Norvega Esperantista Ligo, Olaf Schousvei 18, N-0572 Oslo 5, Norvegio. Ni tamen proponas, ke *petante la broŝuron, vi sendu prospekton* de via regiono, aŭ iun propran verketon pri via E-grupo, lernejo, urbo aŭ regiono.

## Konkursaj rezultoj

Hipia krucvortenigmo aperis en numero 88/2. La kaŝfrazoj estis "Kial ne paki ilin sepope?" kaj "kaj envenis hipio". Ni ricevis 20 respondojn el dek unu landoj: kvin el Sovet-unio, kvar el Germana DR, po 2 el Hungario kaj Francio kaj po unu el Nederlando, Italio, Brazilo, Jugoslavio, Pollando, Ĉeĥoslovakio kaj Bulgario. Tri konkursintoj konfesis ne esti junuloj. Kvankam la nombro de respondantoj restas ne-impona, almenaŭ la diverseco de landoj estas kuraĝiga. Libropremiojn ricevos Oleg Streleckij el Minsko en Sovet-unio kaj la 15-jara Stanislava Benovska el Bjala Slatina en Bulgario.

Speco de konkurso estis la paĝo por *etuloj en numero 88/2. Pro ĝusta solvo* de la proverba enigmo ricevas libro-premion Irina Kosovskih el Katajsk en Sovet-unio.

Matematika enigmo pri 555 = 6 aperis en numero 88/3. Dek naŭ personoj respondis, 17 trovis la bonan solvon. Necesis ŝanĝi la mezan kvin, por ke ĝi iĝu la litero E. La aliajn du kvinojn oni povas legi kiel la litero S, tiel ke la ekvacio estu: SES = 6, kaj tio estas vera! Ĝuste ses respondoj venis el Hungario, 5 el GDR, 2 el Sovet-unio kaj po unu el Italio, Francio, FR Germanio, Ĉeĥoslovakio kaj Usono. Premiojn ricevos la 8-jara Franze Kuse el Schwerin, Germana DR kaj Molnár Marianna el la Esperanta grupeto en Sarkad, orienta Hungario.

Krucvortenigmo en numero 88/3 prezentis kaŝfrazon 'La kvar sezonoj'. Ni ricevis nur sep respondojn, ses el Hungario. Gajnos premiojn Kristina Borkauskaite el Vilnius, Sovet-unio kaj Katalin Molnár el Sarkad, Hungario.

Gratulojn al ĉiuj gajnintoj; dankon al ĉiuj partoprenintoj!

Ára: 10 ft.

Ĉi tiu spaco estas lasita libera por gluado de adresetikedo; en kelkaj landoj oni uzas tiun sistemon. Se en via lando tio ne okazas, vi havas la nekompareblan ĝojon legi ĉi tiujn inform-riĉajn liniojn. Pensu pri tiuj, kiuj pene provas forŝiri zorge la adres-etikedon por legi la tekston presitan sub ĝi!

## Kanto-kasedo

# Dinnyés: AL VENKO!

16 esperant-lingvaj kantoj de la fama gitaristo-kantisto József Dinnyés (prononcu *Joĵef Dinjeŝ*). Krom liaj kantoj vi povas ĝui ankaŭ melodiigitajn verkojn de famaj Esperantaj aŭtoroj, kiel R. Schwartz, J. Baghy, L. Zamenhof kaj aliaj. Bonkvalita registraĵo, bela aspekto. Por aĉeti la kasedon, turnu vin al via Libroservo.

*Eldonis:*
*LINGVO-Studio, Budapeŝto*

## Nova legolibro:

## La laŭta vekhorloĝo

**kaj aliaj atento-kaptiloj**

Jen reeldono de nova versio de la rakonto *La laŭta vekhorloĝo*, kune kun tri pliaj amuzaj rakontoj: *La unua vekhorloĝo*, *Ĉe tunelo ĉe valo*, kaj *La heroo*. Ĉiuj kun demandoj, ekzercoj, enigmoj kaj rol-ludoj, taŭgaj por grupa uzado. Verkita de Stefan MacGill; ilustrita de Pavel Rak. Taŭga por la pli kapablaj legantoj de *Juna amiko*. La 200-paĝa libro inkluzivas notojn por instruistoj kaj vortliston. Prezo: 90 forintoj ĉe Hungara Esperanto-Asocio, 21 gld. ĉe UEA.

POR HELPI VIN VOJAĜI PLI RIĈE...

PASPORTA SERVO



La Pasporta Servo de TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo) proponas unikan servon. Ĝi eldonas ĉiujare libreton kun adresoj de personoj tra la mondo, kiuj pretas senpage gastigi vojaĝantajn esperantistojn. La plej nova eldono proponas 900 adresojn en 60 landoj. Aĉetante la libron, vi jam rajtas uzi la servon. La libreto donas ne nur la nomojn kaj adresojn de gastigantoj, sed ankaŭ eventualajn kondiĉojn de gastigo, kaj la regulojn de la servo. Ne nur vi vojaĝas malpli multekoste, sed vi riĉiĝas ankaŭ pro konatiĝo kun la hejma vivo en foraj landoj kaj la ebleco amikiĝi kun eksterlandaj esperantistoj. La libreto estas akirebla de multaj libroservoj.